# ESPERANTO EN AFRIKO

Bulteno de la
Afrika Komisiono de UEA

Numero 15
(2011: 1)


*Karaj gelegantoj,*

*La jaro 2010 ĵus finiĝis kaj la nova komenciĝis kun nomumo de nova kunordiganto de la Afrika Komisiono. Kio novas ĉe la komisiono estas ke ĝi nun havas du kunordigantojn: la ĉefan (la aktiva togolanda esperantisto Adjé Adjévi) kaj la vican (Jean Codjo). Tiu ĉi unua numero de la nova jaro estas denove plena je okazintaĵoj de la pasinta jaro, je diversaj raportoj kadre de la zamenhofaj tagoj, de landaj agadoj kaj de unuopaj sindediĉoj por la afrika movado. Nia Esperanto-movado denove reprezentiĝis ĉe MSF (Monda Socia Forumo) en Senegalio. La kunordiganto (Adjé Adjévi) kaptas la okazon por alparoli la afrikan Esperanto-komunumon. Agrablan legadon deziras al vi la komisiono.*

*La redaktantaro*

***

## VORTO DE LA ĈEFKUNORDIGANTO DE LA AFRIKA KOMISIONO DE UEA

Karaj gelegantoj de *Esperanto en Afriko*,

Kelkaj el vi certe jam informiĝis pri la nova konsisto de la Afrika Komisiono de UEA. Fakte, la laborojn de la Komisiono mi havas respondecon nun kunordigi. Sen konsideri la periodon, dum kiu eŭropa esperantisto gvidis la komisionon de post ĝia stariĝo en la jaro 2000, mi povas nun diri ke mi estas la kvina kunordiganto. Tio ĉi en si mem ne estas malbona, ĉar ĉio kio vivas ankaŭ evoluas, kaj estas bone, ke tiu ĉi natura leĝo ne esceptas en la afrika agado. Krome, necesas doni pli kaj pli da lokoj al junaj fortoj kompetentaj kaj entuziasmaj en la komunumo, nome de la demokratio kaj efikeco. Tamen, ĉiuj miaj antaŭuloj faris sian eblon por porti pli antaŭen la movadon en Afriko, kaj tial vi ĉiuj certe konsentos kun mi, ke mi profitu ĉi tiun tribunon por esprimi en via nomo koran dankon al ili.

Grava estas la vetcelo kaj pripensante bone, mi konscias pri la defio. Ni devas konstante labori por ke la idealo de Esperanto ĉiam restu vivanta sur nia kontinento. La movado en Afriko estas ni mem, karaj homo-fratoj. Estas nia tasko informi pri la lingvo Esperanto, lerni, ellerni, praktiki vigle – per verkado, per tradukado de literaturaĵoj – kaj porti ĝin al ĉiuj anguloj de Afriko.

Gravas niaj ideoj, niaj spertoj kaj niaj fortoj. Kaj en tio ĉi la Afrika Komisiono, pere de la Afrika Oficejo, estas preta kaj ĝojas plu helpi per instrumaterialoj. Tamen ni devas kompreni, ke la aferoj en la financa kampo estas malpli facilaj, ĉar UEA devas dividi inter ĉiuj afrikaj landoj tro malgrandajn rimedojn, kiujn ĝi kolektas de malavaraj esperantistoj kaj geamikoj. Jen novaĵo, kiu devigas nin pripensi kiel vere reorganiziĝi por garantii la kontinuecon de la komunaj agadoj sur la nigra kontinento; tio fakte necesigas veran kondutoŝanĝon: la iomo, kiun donas UEA estu bone uzata en utila maniero por vera kaj efika puŝo de Esperanto en Afriko, ke ni ĉiuj estu akurataj en la kotizado al niaj respektivaj landaj asocioj kaj kluboj, ke ni komencu pripensi pri lokaj mecenantoj, eĉ se tiuj ĉi estas raraj, se entute ekzistantaj sur la kontinento.

Mi kalkulas je vi ĉiuj kaj mi deziras al vi grandan kuraĝon kaj zamenhofecan sindonemon. Ke la jaro gardu nin en varma kunlabora kontakto!

*Adjé Adjévi*

Konsisto de la Afrika Komisiono

Adjé Adjévi (Togolando) – kunordiganto

Jean Codjo (Benino, Kanado) – vickunordiganto (revuo, AO kaj serĉo de mecenatoj)

Emile Malanda Nianga (DR Kongo) – rilatoj kun asocioj kaj grupoj

Jérémie Sabiyumva (Burundo) – ekstera informado, junularo afrika, regiona agado por Orienta Afriko

Justine-Lala Ralalarisoa (Madagaskaro) – instruado

Viktor Lufimpu (DR Kongo) – informado kaj regiona agado

Charles Alofa (Benino) – instruado, strategio por loka agado

***

## AGADE TRA AFRIKO

- **Togolando**

**Ĝenerala raporto pri la 18-a Togolanda Esperanto-Kongreso (TEK)**

La 18-a TEK, kiu nun apartenas al la historio, ekefektiviĝis kun la alveno de la gekongresanoj. Ili vagadis por konatiĝi kun la urbo Vogan, kiu gastigis la aranĝon. La diversaj programeroj ekis per fermita kunsido de ASELT (Asocio Sennacieca de Esperantistoj-Laboristoj en Togolando). La Zamenhof-festo okazis samtempe kun la kvizo, gvide de sinjoroj Adjé Adjévi, Gbeglo Djifa kaj Sedjro Moïse. Ĉi-jare la kvizo estis speciala ĉar ĉiuj partoprenantoj povis gajni ion ĉu loterie, ĉu aŭkcie. La diversaj premiitoj atendis la ricevon de la premioj kelkajn tagojn poste. La programero estis tiom agrabla, ke ĝi daŭradis ĝis la dua horo nokte, antaŭ ol la partoprenintoj povis iri ripozi. Dum daŭradis la kvizo, okazis ankaŭ fermita kunsido de TIETo por starigi la planojn pri la diversaj ekzamenoj en 2011.

"Nia vio" estas programero prezentita de Wim Posthuma – sveda samideano – por malfermi la tagon sekvantan. Dume, la kongresanoj aŭdis pri la vivo de la prezentanto, kiu kondukis lin de Nederlanda Hindio ĝis Svedio, kie li loĝas hodiaŭ. Sekvis poste la malferma ceremonio, kiu okazis gvide de la komitatestro sinjoro Adjé Adjévi pro la nealveno de la lokaj aŭtoritatuloj. Tamen ĵurnalistoj (de nacia kaj privata radioelsendejoj) ĉeestis la malferman ceremonion.

Ili poste vizitis la ekspozicion konsistantan el Esperantaj libroj kaj aliaj. Honora vino sankciis la finon de la vizito. La kongresan temon enkondukis sinjoro Koffi Gbeglo; al ĝi aktive partoprenis la gekongresanoj por klarigi kaj komenti la temon "Ŝafaro harmonia..."; tiel ili povis elfosi la kongresan rezolucion.

La festa kunmanĝo agrable kunigis la kongresanojn, kelkajn duope, aliajn triope aŭ pli, eĉ kelkfoje unuope, por frandi la manĝaĵon kuiritan de la afablaj kuiristinoj. La vesperan programon ĝenis okazigo de kultura aranĝo de la lokanoj en la sama kongresejo; tamen la esperantistoj povis spekti filmon kiun prezentis Wim Posthuma.

La 26-an de decembro okazis la programero "Podio de kredoj", kiun aparte ŝatas la kongresanoj ĉiam. Ĝi tiel permesis al ĉiu prezenti sian kredon kaj/aŭ defendi ĝin. UETA (Unuiĝo de Esperantistoj en la Tuta Afriko) estas E-organizaĵo kiu kreiĝis la 14-an de aprilo 2010. Ĝiajn celojn kaj agadplanojn malkovris la kongresanoj helpe de sinjoro Koffi Doumegnon, kiu gvidis la prezentadon. Post tio okazis la komitata kunsido dum kiu la gekongresanoj povis aŭdi diversajn raportojn de UTE, de la komitato, kaj de la sekcioj kaj kunlaborantaj organizaĵoj. Ankaŭ la elekta komisiono, konsistanta el Kokou Sagbadjelou kaj Koffi Doumegnon, raportis pri la diversaj kandidatiĝoj kaj procedis al renovigo de la komitatanoj. Jen la konsisto de la estraroj de UTE kaj la junulara sekcio JOTE:

Estraro de UTE

Apeléte Agbolo – prezidanto
Folly Adokou – vicprezidanto
K. Elom Attaglo – ĝenerala sekretario
Kodjo Moïse Sedjro – vicsekretario
Agossou Davon – kasisto

Estraro de JOTE

Djifa Gbeglo– prezidanto
Têtê Ayena – vicprezidanto
Dovi d'Almeida – ĝenerala sekretario
Massan Judith Kossivi – vicsekretario
Aminda Gbeglo – kasistino

**KONGRESA REZOLUCIO**

Okdek geesperantistoj kongresantaj en la urbo Vogan,

*Kompletigante* la temon "Ŝafaro harmonia...", por havi la tutan proverbon "Ŝafaro harmonia lupon ne timas";

*Konsiderante,* ke esperantistoj estas nek ŝafoj nek lupoj;

*Rekonante* la gravecon de la unuiĝo en ĉiu kampo de la homa agado;

*Komprenante,* ke per "Ŝafaro harmonia lupon ne timas" Zamenhof invitas esperantistojn al solidareco, al harmonia vivo, toleremo, sinkompreno kaj interfratiĝo;

*Rekomendas,* ke:

1 – ĉiu esperantisto konsideru sian proksimulon ne malamikon sed anstataŭe, trovu sian malamikon ne ekstere sed interne de si;

2 – en ĉiu problemo, ĉiu rekonu unue sian propran parton de kulpeco kaj tiel klopodu fari necesajn paŝojn por korekti ĝin;

3 – ĉiuj esperantistoj togolandaj kontribuu sincere, honeste, malegoisme, respekteme en la progresigo de la togolanda Esperanto-movado.

*Farita en Vogan, la 27-an de decembro 2010* *La Kongreso*

- **Kongolando**

**Situacio de DKEA, landa asocio de UEA en DR Kongo laŭ ĝia ĝenerala sekretario**

La Esperanto-Asocio de Demokrata Kongo baldaŭ kvindekjariĝos, sed multaj aferoj estas farendaj por ke ni parolu pri vera landa asocio. Fakte, Esperanto eniris en nian landon en la sesdekaj jaroj. Kluboj, unuopuloj kaj fakaj asocioj floris ĉie tra la lando dum kvardeko da jaroj, sed la bilanco estas grandparte negativa kompare kun aliaj afrikaj landaj asocioj kiuj ĝenerale estas malpli aĝaj ol DKEA. Miaopinie landa asocio, kiu ne estas agnoskita de la registaraj instancoj, ne estas vera landa asocio.

Dum tiu kvardeko da jaro, multaj misuzis Esperanton por egoismaj kaj privataj interesoj kaj pro tio la Esperanto-movado multe suferis en DR Kongo (Demokrata Respubliko Kongo).

Multaj el la unuaj esperantistoj venis al la movado kun la espero ricevi stipendiojn, eksterlandajn vojaĝojn, financan kaj materian subtenon; ili faris al si ian iluzion pri Esperanto. Ekkompreninte ke Esperanto ne povas al ili oferi tion, pri kio ili havis iluzion, multaj el tiuj pioniroj forlasis la movadon. Kelkaj el ili eĉ faris malbonan kampanjon kontraŭ Esperanto. Mi ne vere ilin kulpigas. Laŭ mi por eviti tiajn miskomprenojn, la tiamaj gvidantoj de la Esperanto-movado devus nepre klarigi al la novbakitaj esperantistoj pri la idealo de Esperanto kaj pri la funkciado de ĝia movado.

Mi ne diras ĉi tie ke ĉiuj estraroj malbone funkciis; ekzistis estraroj, kiuj pozitive agadis por la bono kaj la antaŭenigo de la Esperanto-movado en DR Kongo. Mi aludas ĉi tie al la komitatoj gvidataj sinsekve de samideanoj Ngangu Bakidila Nduontoni kaj Mick Nsiangani Yuku. Dum ilia regado la movado pli kaj pli bone fartis, kursoj, konversaciaj rondoj, ekskursoj kaj ĝeneralaj asembleoj estis regule organizataj. La plimulto el la ĉi-tieaj esperantistoj, kiuj bone regas la lingvon de Zamenhof, estas la fruktoj de ilia laboro. Post tiuj honorindaj gravuloj, nenio pozitiva estis farita dum sinsekvis multaj komitatoj. Iuj kredis ke Esperanto estas triba afero aŭ afero de iu privilegiita grupo de individuoj, kiuj alpropigis al si la movadon.

Senfruktaj rivalecoj inter la ĉefroluloj de malsamaj kluboj kaj multaj disiĝoj regis en la Esperanto-movado pro bone organizata malordo. Jes, la malordo estis zorgeme organizita de la tiamaj estraroj, ĉar ĝi profitis por fari ĉiaspecajn misuzojn al nia movado pere kaj nome de Esperanto. Konsekvence multaj honestuloj kaj seriozuloj forlasis la movadon: iuj por ĉiam, aliaj por unuopule agadi.

La misuzantoj de Esperanto uzis la subvencion de UEA kiel sian propran poŝmonon. Anstataŭ okupiĝi pri la movado, ili kontentigis siajn proprajn bezonojn. Imagu, ke ekde 1963 DKEA ne havas juran personecon; tio estas danĝera por landskala asocio en postmilita lando, kie la demokrateco estas fragila. Kelkaj el la tiamaj estraranoj misuzis la kalendaron de la Esperanto-aranĝoj por vojaĝigi neesperantistojn kontraŭ monsumo. Ili venigis invitleterojn el diversaj Esperanto-aranĝoj por faciligi la vizoakiron al tiuj neesperantistoj. Estas bedaŭrinde ke niaepoke tia misuzo daŭras: grupo de esperantistoj ŝajndeklaras sin "muzikgrupo" kaj petas kolektivan invitilon kun la celo koncerti en Esperanto-aranĝoj, sed reale ili faras homan trafikon pere kaj nome de Esperanto. Ni ne lasos al tiuj malhonestuloj, ke ili tiom longe suferigus la Esperanto-movadon. Tial la nuna komitato opinias, ke ĉiuj petoj de invitleteroj al diversaj Esperanto-aranĝoj estu liverotaj kun atesto kaj aprobo de la komitato mem.

Antaŭ nelonga tempo ruslanda samideanino estis viktimo de tia misuzo. Ŝi havis kontakton kun la supozita muzikgrupo kaj klopodis venigi ĝin en Rusion, sed la rezulto estis tre maldolĉa. La grupo, kiu devus koncerti en iu aranĝo, ne alvenis. Tio makulas la bildon de nia movado.

Estas notinde ke multaj esperantistoj el la ĉi-tiea movado estas eternaj komencantoj, ĉar por ili sufiĉas nur konversacieti. La perfektiĝo ne estas afero ilia. Tiuj esperantistoj troviĝas je ĉiu nivelo de la Esperanto-movado en DR Kongo. Laŭ mi estus dezirinde, ke nur progresigaj kursoj estu organizataj en la kluboj por membroj de DKEA, anstataŭ varbi novulojn. La movado bezonas esperantistaron bonkvalitan pli ol multnombran, kies lingvonivelo estas ege malalta.

Notindas ankaŭ ke kelkaj el tiuj fuŝparolantoj instruas la lingvon. Imagu kian lingvon akiros lernanto kies instruisto lernigas fuŝan lingvaĵon. Feliĉe ke la nuna estraro, kunlabore kun la landa ILEI-sekcio, estas tre rigora en la inspektado de la lingvoinstruado en la kluboj.

Nia lando, aliflanke, havas kontinentan dimension. Pro rimedomanko la estraro ne povas atingi ĉiujn klubojn, precipe ne la klubojn en foraj kaj militaj provincoj. Tial estas dezirinde ke ĉiu provinco havu sian ligon; tiuj ligoj siavice dependos de DKEA, al kiu ili raportos. Se ni agos en tia federisma sistemo, en kiu la ligoj estas memstaraj strukturoj, mi kredas, ke malgraŭ la rimedomanko, la afero glate marŝos.

Danke al la Afrika Oficejo de UEA kaj al ĝia kunlaboranto Renato Corsetti, la nuna estraro klopodas elirigi DKEA-n el la granda fosaĵo, en kiu ĝi troviĝas.

*Arlain Kizeyidioko Mayinda (ĝenerala sekretario de DKEA)*

**Virina agado en Kongolando**

Ni, kongaj esperantistaj virinoj, nome KEVA, estas kontentaj komuniki al vi nian jarfinraporton. Kiel vi scias pri la ekzisto de nia Esperanta virina agado, ĝi ekzistas ekde la 30-a de septembro 2010, kaj ĝia sidejo estas sine de tiu de la landa asocio, DKEA.

KEVA ĉefe okupiĝas pri virinaj aferoj kaj deziras sciigi al la Esperanto-komunumo pri siaj agadoj. Membroj de KEVA estas nun aktivaj en tri provincoj de Kongolando. Ĉar Esperanto estas unu el la laborlingvoj, KEVA deziras instrui al siaj membroj. Ĝis nun la membroj lernas per libroj, interalie *Cours rationel*, kaj poŝvortaroj. Inter la instruistinoj estas s-inoj Leonie Mputu, Nelly Masemi kaj Lylie Kandolo. KEVA ne nur instruas, sed konsciigas homojn pri aidoso.

*Mayika Marianne (sekretario de KEVA)*

- **Burundo**

**Agadraporto de ANEB, landa asocio de UEA en Burundo**

**A. Movado**

Periodo: de oktobro 2009 ĝis decembro 2010

La jaro 2010 estis jaro en kiu Esperanto en Burundo stagnis. Pro la striko en la edukada ministerio, kluboj en lernejoj ne bone funkciis kiel en pasintaj jaroj. Ni tamen per la instrua sekcio sukcese organizis kursojn kaj renkontiĝojn en diversaj regionoj de Burundo. La nombro de kluboj ne altiĝis, sed renkontiĝoj organizitaj de kluboj okazis, vizitoj fare de la estraro okazis, kaj grava punkto estas la sukcese organizita seminaro en Bubanza, en kiu partoprenis esperantistoj el Ugando kaj Kenjo. En tiu ĉi raporto, ni detale skribos pri kio okazis en ĉiu sekcio, interalie la instrua sekcio, sporta sekcio, junulara sekcio, skolta sekcio kaj informa sekcio.

*I. Instrua sekcio*

En oktobro 2009 la instruado de Esperanto en lernejoj komenciĝis. En Rumonge, ĉiuj kluboj malfermis la pordojn kaj multaj kursoj de Esperanto estis gvidataj de instruistoj de ANEB. La sekretario kaj la kasisto de la asocio vizitis klubojn kaj vidis, ke ĉio estas en ordo. La nombro de

kluboj restis sama, sed la nombro de la gelernantoj kreskis. Okazis kursoj ankaŭ en aliaj regionoj kiel Gasanda, Nyanza, Bubanza, Gitega, Makamba, kaj en kelkaj lernejoj de Bujumbura.

Ĉi-jare la prezidanto de ANEB, s-ro Jérémie instruvojaĝis al Kenjo kaj Ugando. Lia instruvojaĝo estis fruktodona ĉar en aŭgusto esperantistoj el la vizititaj landoj partoprenis la seminarion, kiu okazis en Bubanza, kaj ilia lingvonivelo estis bona.

En Gasanda, kie nun la movado iras glate, multaj aliaj kluboj fondiĝis kaj nun estas multaj novaj esperantistoj en la regiono. En la fino de la studjaro, en junio, la esperantistoj de la liceo de Gasanda kotizis por okazigi finjaran feston. Nome de ANEB, Hasano kaj Pamphile partoprenis la feston kaj kuraĝigis la esperantistojn de la gasanda regiono kaj dankis la organizantojn pro la iniciato.

En aŭgusto 2010, ANEB organizis kaj okazigis seminarion en la provinco de Bubanza, kaj multaj esperantistoj el diversaj provincoj ĝin partoprenis. Ne nur la burundaj esperantistoj, sed kvar esperantistoj el Kenjo kaj unu esperantisto el Ugando partoprenis la seminarion de Bubanza.

Kursoj normale okazis en ĉiuj kluboj, sed ne okazis ekzamenoj pro la fakto ke niaj ekzamenoj okazas en julio kaj tiumonate okazis la dua nacia kongreso; la organizado kaj okazigo de ĉi tiu kongreso prenis grandan monrimedon, kaj nun la kaso de ANEB estas malplena por okazigi tiujn tre gravajn ekzamenojn. Ni planas okazigi tiujn ekzamenojn en la venonta jaro se rimedo estos.

Fine de aŭgusto 2008, ses instruistoj iris al foraj regionoj por unusemajna seminarieto, ĉe kiu preskaŭ 100 personoj lernis Esperanton. Ĉi tiu instruado eblis pro valora helpo fare de ILEI-konferencanoj en Benino kiuj monhelpis nian movadon.

En januaro, Johan Derks kun sia edzino Svetlana Milanović vizitis nian landon, kaj dum ilia restado en Burundo (Bujumbura kaj Rumonge) okazis instruado en Bujumbura dum kiu tri kongolandanoj sekvis kurson dum kelkaj tagoj, kaj dusemajna seminario en Rumonge en kiu pli ol 120 personoj partoprenis: 40 progresantoj kaj pli ol 80 komencantoj. Johano kaj Svetlana vizitis ankaŭ klubon en Gasanda, kie pli ol 80 esperantistoj (komencantoj kaj progresantoj) atendis ilin. Danke al bonaj rilatoj de ANEB kun direktoroj de lernejoj, la instruado okazas sen granda elspezo. La sekcio estis akceptita de ILEI dum la ĉi-jara krakova konferenco, kaj tio donos al nia movado grandegan forton pro la fakto ke instruado estas la bazo de nia movado. Ĉi tiu sekcio estas gvidita de Hasano Ntahonsigaye kaj sub kontrolo de la estraro de ANEB.

*II. Informa sekcio*

Dum tiu ĉi jaro, la informado ne estis bone farita kiel en pasintaj jaroj. Ni planis viziti radio-elsendejojn, sed pro manko de tempo ni ne sukcesis tion fari. Ni tamen elsendis rete inform-mesaĝojn al retanoj.

Okazis prelegoj en lernejoj, kaj ni afiŝis informilojn en kelkaj regionoj de Burundo.

Ni ricevis leteron el UNESKO, respondo pri nia kunlaborpeto, kaj tio estas kuraĝiga por ni. Plie ni sendis al UNESKO dokumenton pri la jardeko de lingvoj.

La informa sekcio kontribuis per informo al ni, kaj pro ĝi ni sciis pri bezono de instruistoj kaj pri la stato de la movado en diversaj regionoj.

La sekcio nun ekinformos al en- kaj eksterlandaj esperantistoj pri tio kio okazas en Burundo per la bulteno *Esperanto en Burundo*, kiu baldaŭ ekaperos.

*III. Sporta sekcio*

La agado de nia futbala teamo daŭris per partopreno en la loka turniro. Kiel en pasintaj jaroj, per la teamo multaj sportemuloj informiĝis pri Esperanto. Bedaŭrinde dum tiu ĉi jaro la sekcio

ne ricevis subvencion de Monda Esperanta Ligo por Sporto (MELS), kaj tio negative efikis sur la agadon de la teamo.

Okazis korespondado kun Calgari Julio pri la starigo de *tchoukball*-teamo en Burundo en la kadro de Esperanto. Ni esperas ke en la estonteco ni sukcesos pri tiu ĉi projekto.

Por varbi homoj kaj sciigi al multaj pri la ekzisto de Esperanto, ANEB pripensis kaj fondis la futbalan teamon, kiu ĉiam partoprenas la turneon en Rumonge. Nun alia teamo fondiĝis en Gasanda.

*IV. Junulara sekcio*

Ĉi sekcio grandparte dependas de ANEB kaj ĝia laborkampo estas tre vasta. En Burundo, granda parto de esperantistoj estas junaj, do kompreneblas ke ili estas membroj de la sekcio. La prezidanto de la sekcio multe laboris, okazigante renkontiĝojn en Bujumbura kaj Rumonge, kaj dum la seminario en Bubanza la sekcio ege helpis nin homforte, disponigante sian servon al la partoprenantoj precipe kiam ne ĉesis pluvi dum la seminario. Dum la ekskurso en Burunza, la sekcianoj kantigis senĉese kaj senlace la ekskursanojn kaj eĉ survoje klarigis al lokanoj pri kio estas Esperanto. La sporta sekcio agadas kiel branĉo de la junulara sekcio, eĉ se ĝi havas sian propran estraron. La agado de tiu ĉi sekcio estas tre grava kaj preskaŭ la tuta movado dependas de ĝi.

*V. Skolta sekcio*

Post la starigo de la skolta sekcio dum la pasinta jaro, tiu ĉi sekcio ekaktiviĝis. La sekcio nun klopodas atingi ĉiujn regionojn, kie jam ekzistas skolta movado. Ĝi ankaŭ planas peti oficialan kunlaboron kun la skolta asocio de Burundo. Dum la seminario Skolta Esperanto-Ligo denove partoprenigis 10 skoltojn kaj ili multon lernis. La sekcio planas partopreni en ĵamboreo okazonta en Gitega, kaj tie ĝi instruos Esperanton.

**B. Utiligado**

Renkontiĝoj Esperantaj okazis en diversaj regionoj de Burundo, precipe en Rumonge, en Bubanza, en kelkaj lernejoj de Bujumbura, en Nyanza Lac... La plej grava el ili por ĉi tiu jaro estas la seminario al kiu venis homoj el Ugando kaj Kenjo. Tuj post la seminario okazis renkontiĝo de la estraro de ANEB kun esperantistoj el Ugando kaj Kenjo, kaj ni kundecidis fondi regionan organizaĵon kun la nomo Orienta Afrika Esperanto-Federacio. Helpe de la Afrika Oficejo, ni ankaŭ sukcesis fondi retejon, kie publikiĝos informoj pri la burunda movado.

La junulara sekcio partoprenis kaj kunorganizis konkursojn kun islamanoj en Rumonge, kaj inter la demandoj estis kelkaj pri Esperanto.

En novembro 2010, ANEB sukcesis aĉeti terenon kie ni konstruos Esperanto-Centron.

Karaj, ĝis nun nia asocio havas du grandajn projektojn :

1. La arba projekto. Kun la helpo de TAKE-Esperanto, ANEB jam havas la grundon kaj plantis fruktarbojn en ĝi. Ni dankas s-ron Michel el Francio pro la starigo de la projekto de arboj en Burundo por protekti la teron (mondon).

2. La konstruo de la Esperanto-centro. Per la monhelpo de la fondaĵo Esperanto en Evoluo, ANEB aĉetis terpecon por konstrui domon. Ni multe dankas la geedzojn Svetlana kaj Johan el Nederlando, kiuj pripensis tiun projekton en Burundo. Ni dankas ĉiujn donancantojn al niaj projektoj.

En la 19-a de decembro 2010, kelkaj esperantistoj de Rumonge festis la Zamenhofan tagon.

**C. Planado por 2011**

Kiel planojn, la landa asocio de UEA en Burundo havas la jenajn:

- okazigi seminarion por instruistoj en Nyanza-Lac;
- okazigi renkontiĝojn en multaj regionoj de Burundo;
- plifortigi la junularan, sportan kaj lernejan agadojn;
- kuraĝigi burundajn esperantistojn verki aŭ traduki librojn;
- fari karavanojn Esperantajn en diversaj lokoj (Makamba, Muramvya, Kayanza, Bubanza,...);
- multobligi elsendojn ĉe diversaj radiostacioj publikaj kaj privataj;
- sekvi la plantitajn arbojn en la grundo de Kizuka;
- helpi en la monvarbado por nia projekto pri Esperanto-centro;
- refreŝigi nian retejon regule;
- senĉese klopodi krei klubojn, precipe en vilaĝoj kaj lernejoj;
- organizi kaj okazigi aktivulan trejnadon en Bubanza, Gasanda kaj Rumonge;
- viziti klubojn;
- pludaŭrigi la ĝemelan projekton;
- starigi *tchoukball*-teamon.

**D. Bezonoj**

Por efike funkcii, ANEB havas diversajn bezonojn.

1. Ni bezonas ĉiuspecajn librojn, precipe gramatikajn kiel *Cours de la langue internationale Espéranto*. Ni petas al ĉiuj, kiuj jam helpis kaj kiuj ankoraŭ ne helpis, sendi al ni lernolibrojn, legolibrojn kaj vortarojn.
2. La asocio bezonas iom altan subvencion, por ke ĝi sukcese okazigu la aktivulajn trejnadojn.
3. Por plibonigi nian scion rilate al la movado, ni petas al UEA per la Afrika Oficejo inviti dum la venonta UK kaj IJK (en Danio) kelkajn burundajn esperantistojn por ke ili vidu kiel oni organizas kaj okazigas la du aranĝojn.
4. ANEB bezonas ankaŭ specialan buĝeton por poŝtaĵoj.
5. Rimedoj por informado devas esti disponigitaj.

Karaj samideanoj, por bone disvastigi Esperanton kaj starigi projektojn en Burundo, nia nacia asocio ANEB ricevas E-materialojn kaj monhelpon. Ni ne povas fini nian raporton sen mencii kelkajn bonkorajn esperantistojn, kiuj subtenis nian asocion kaj donacis materialojn (lernolibrojn) kaj/aŭ monon (por aĉeti terenon kaj grundon, por okazigi seminarion): Rikardo kaj Jeanne-Marie Cash, Mireille Grosjean, Margaretha Symoens, Svetlana Milanović, Mirka Tomeckova, Katalin Kováts, Susanna Beglaryan, Johan Derks, Michel Basso, Renato Corsetti, David Curtis, Ronald Glossop, Alfred Portillo, Jean Yves Santerre, Osmo Buller,... Ne nur homoj, sed ankaŭ organizaĵoj helpis nin: UEA, ILEI, SEL, Fondaĵo Hans, Fondaĵo Esperanto en Evoluo, TAKE-Esperanto, Esperanto-France kaj aliaj.

*Hasano Ntahonsigaye*

- **Benino**

En la pasinta jaro (2010) ABeE same kiel multaj aliaj landaj asocioj aktivis.

La subvencio (400 eŭroj) kiun UEA donis, iom helpis atingi kelkajn celojn.

Subvenciitaj kluboj agadis kaj faris gravajn aktivaĵojn: semajnajn kunvenojn, Esperanto-kursojn ktp. Ankaŭ la projekto de instruado de Esperanto en lernejoj ne estas prisilentita. Notindas ke sur tiu kampo okazis inter junio kaj julio 2010 premio-disdono por stimuli kursanojn en diversaj ŝtataj mezgradaj lernejoj. Je la komenco de tiu ĉi lernojaro 2010-2011, estas estraraj kunsidoj dum kiuj estas pridiskutataj gravaj aferoj, interalie strategioj por vivigli la movadon.

Ĉi-jarfine, sendis financajn kaj agadraportojn la jenaj naŭ kluboj:

– Sankta Harmonio (Ayahohoué);

– Monda Familio (Azovè);

– Nova Sento (Hondjin);

– Rondo Familia de Orfejo Nabouba (Lokossa);

– Renaskiĝo (Kodji);

– Egaleco (Kodji);

– EJEA (Adohoun);

– Klubo Arigbo (Glazoué);

– Persisto (Sekou-Allada).

Aldoniĝis nova klubo fondita en Zoungbonou, preskaŭ dek kilometrojn for de Lokossa, de s-ro Kodjo Amouzou, la organizanto de la landa estraro. La klubo nomiĝas "Nova Ideo".

Post tralegado, la estraro rimarkis ke la ricevitaj subvencioj en la jaro 2010 ebligis diversajn aktivaĵojn en la kluboj, interalie kursgvidojn, premio-disdonojn, jarfinajn festojn ktp.

Ĉe la ceteraĵoj, la estraranoj priparolis diversajn aferojn, aparte la aliĝon de ABeE al Unesko kaj la aliĝon de nia junulara sekcio BOJE al TEJO kiel landa sekcio.

Trejnado por klubgvidantoj kaj renovigo de la estraro de BOJE estis aliaj gravaj pritraktataj aferoj. Pri tiuj du lastaj punktoj la landa estraro denove kunsidos por starigi praktikan planon kun pli precizaj informoj.

Notindas ke dum la kunveno, S-ro Latifou Gbadamassi, prezidanto de la landa asocio, kaptis la okazon por distribui al kelkaj kluboj ekzemplerojn de la libreto *Avo-Fungo kaj aliaj rakontoj* de Jean-Louis Claudel, kiujn Orientfranca Esperanto-Federacio (al kiu koran dankon) donacis al la afrikanoj.

*Latifou Gbadamassi (prezidanto de ABeE)*

- **Ugando**

En la jaro 2010 naskiĝis la Esperanto-movado en Ugando, danke al klopodoj de diversaj esperantistoj el diversaj landoj de la mondo. La movado pri la internacia lingvo en Ugando estis konata pro la vojaĝo kiun faris la Prezidanto de ANEB (Asocio Nacia de Esperanto en Burundo) en majo, kiam li venis el Kenjo, nia najbara lando. Antaŭ lia vojaĝo, mi estis en kontakto kun li rete. Li pasis ĉe mi kaj interparolis pri kiel starigi la movadon ankaŭ en Ugando. Lia vojaĝcelo

estis plifortigi la movadon en tiu regiono, kaj li ĵus fininstruis en Kenjo. Finfine la movado oficiale ekis en majo 2010.

Jérémie unue diris al mi pri Esperanto, kaj kiel mi povas lerni ĝin uzante la komputilon; li donis adresojn de kelkaj retpaĝoj kie mi povas lerni. Li interesis min pri Esperanto kaj pri kiel mi povas fondi movadon en Ugando. Mi sukcesis trovi kvar knabojn, nome Uritah Nansubuga, Jackie Kyohairwe, Omaris Sumaya kaj Fredrick Kimbugwe. Intertempe mi ekinstruis ilin kiam mi ankoraŭ estis lernanto, ĉar laŭ konsiloj de Jérémie, kiam oni instruas oni plibonigas sian lingvoscion.

Jen nia plano por la jaro 2011 :

– pretigi informilojn ilustritajn kaj disdoni al homoj;
– starigi biblioteketon kun kelkaj Esperantaj libroj, lernolibroj, ĵurnaloj en Esperanto, libretoj ktp;
– enkonduki Esperanton en lernejojn;
– konigi Esperanton en la loka administracio, precipe al urbestroj;
– inviti kelkajn eksterlandanojn kiuj bone konas Esperanton, por ke ugandaj esperantistoj sciu ke ili ne estas solaj, kio ilin kuraĝigos;
– klopodi peti invitojn por kelkaj ugandanoj por partopreni en aranĝoj kaj vidi aŭ aŭdi kiel aliaj parolas Esperanton;
– peti multajn broŝurojn por okazigi perkorespondajn kursojn por homoj, kiuj ne havas tempon sekvi la kurson en kluboj.

*Andrew Ntiruyvahiyra*

- **Zamenhofa festo en Kenjo**




Kiam la mondo festis la Zamenhofan tagon, kenjaj esperantistoj renkontiĝis en Eldoreto kaj por la unua fojo ĝin festis. Entute ok esperantistoj renkontiĝis. Aliaj esperantistoj el Nandi Hills ne sukcesis partopreni malgraŭ nia invito al ili. Ni tamen esperas, ke ili partoprenos en aliaj aranĝoj. Inter la partoprenantoj estis la jama atleto en Eldoreto s-ro Jafeth Kosgei kaj la unua universitato studanto, esperantistino Maria. Venis ankaŭ novaj homoj kun kiuj ni lernis Esperanton. Ni komencis per preĝo; poste s-ro Kombe legis al ni pri la historio de Kenjo, kaj s-ro Evans legis pri la vivo de Zamenhof.

Ni poste pridiskutis strategiojn por ke Esperanto plifortiĝu en nia lando, ĉar nun la movado ankoraŭ estas tre juna en Kenjo. Jam estas gravaj paŝoj por nia movado pro registrado de nia asocio. Eĉ oficisto ĉe la ministerio promesis helpi por ke Esperanto plifortiĝu en lernejoj de Kenjo. Nun, gravas ke estu homoj pretaj por instrui ĝin en lernejoj kie jam esprimiĝis deziro por konsideri Esperanton kiel lernofakon. Ni petas ĉiujn bonvolemulojn kontribui al la progreso de la movado en Kenjo.

*Evans Ochoki*

## ESPERANTO KAJ AFRIKANINO



Mi estas **Nelly Masemi Mbembi**, esperantistino el Kongolando Demokrata. Mia naskiĝurbo estas Bandundu, kie mi frekventis katolikajn bazan kaj duagradan lernejojn. Mi poste studis pri turismo kaj pro tio nun laboras ĉe ministerio pri turismo en Kinŝaso. Esperanton mi eklernas, ĉar mi ŝatas lingvojn kaj mi deziras komuniki kun aliaj popoloj el ĉiuj partoj de la mondo. Aktiva mi estas en mia lando, ĉar mi kontribuis al la kreado de virina agado sub la kupolo de la asocio nomita KEVA. Pere de Esperanto mi jam konatiĝis kun homoj el Azio, Eŭropo, Ameriko ktp. Mi daŭre agados por Esperanto en mia lando kaj en Afriko. Mi intencas konvinki politikistojn en mia lando akcepti instruadon de Esperanto en lernejoj. Mi ankaŭ kuraĝigas virinojn konsciiĝi pri siaj rajtoj kaj devoj.

## EL NIA LETERKESTO

- **Esperanto ĉe Monda Socia Forumo en Dakaro** (MSF)




Ĉio iris tre bone, tre sukcese, tre glate. Mi havis konstante helpon de du, tri, kvar homoj: deĵoris Alphonse Diatta, Fidel Bassene, Assane Faye kaj Antoine Gommis. Ili bonege parolas nian lingvon, havas fortan motivigon, tre adekvate donis informojn al la vizitantoj de la stando kaj tre lerte kaj trafe analizis la situacion de Esperanto en Senegalio.

Multaj kontaktoj ekis. Estis vizitantoj el la tuta mondo, tamen la plejmulto estis senegalanoj. Multaj gimnazianoj, studentoj, junaj personoj. Ĉiuj montris grandan intereson. Ĉiuj ricevis informilojn kaj klarigojn. Oni povas supozi, ke la landa asocio kreskos. Mi povis paroli al politikistoj el Senegalio, al Eva Joly (franca deputito che EU; filmis *Canal+*), parolis por pluraj radioj. Jam antaŭ la forumo, Alphonse Diatta povis fari elsendon pri Esperanto por radio *Convergence FM*, kiu elsendas en la tuta okcidenta Afriko. Li venigis la ĵurnaliston al la Esperanto-stando; mi faris duan elsendon pri Esperanto kun li. Poste li invitis min al la elsendeja oficejo kaj mi faris elsendon pri Afriko ĝenerale, kun mencioj pri Esperanto.

Substrekendas, ke informiloj estis senditaj al mi antaŭ mia foriro el Meksiko, Germanio, Britio, Francio (UFE kaj SAT-Amikaro), de privatuloj kaj finfine kompreneble de UEA. Entute proks. 15 kg. Neniu informilo pri Esperanto vidiĝis sur la tero de la Forumo, homoj konservis ilin zorgeme.

Dum la Forumo estis eblo por la samideana skipeto multe interparoli. Nova etoso naskiĝis, tre pozitiva etoso. Ĉiu ricevis novan motivigon. Nova komitato elektiĝis dum rapide improvizita kunveno en vendredo, konfirmota en baldaŭa ĝenerala kunveno de Senegala Esperanto-Asocio. SEA prepariĝas por verŝajna kresko!

*Mireille Grosjean*



*Jean Codjo (maldekstre) kaj Adjé Adjévi, kunordigantoj de la Afrika Komisiono de UEA (vd. paĝojn 1-2)*

Komentojn, konsilojn, sugestojn kaj raportojn pri okazintaĵoj en via urbo aŭ lando bv. sendi al la redakteja adreso: afrika.oficejo@gmail.com, aŭ aerpoŝte al:

**Afrika Oficejo, BP. 416 Lokossa-Mono, Benino**
**tel./fakso: +229 224 10 229**